# S ☆ E ☆ L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
D.H. Davis. L.J. Van Gulck

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Oslo 11, Norvegujo

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.
Poŝtĝirkonto 63 22 46.

Kasisto kaj Administranto de "La Skolta Mondo":
David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo,
Liverpool L 22 3YE, Britujo
Telefono WAT 2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.
Okaze de nericevo, bonvolu sciigi vian Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.

# Kiam mi

rericevis la lastan numeron de la presejo, mi vere miris. Miris pro la stranga eraro, kiun mi faris: Mi miskalkulis la paĝojn, tiel ke la numero prezentiĝis kun du tute blankaj paĝoj. Kaj la tre valora artikolo "Internacia skoltado" - kiu devus esti sur la kvar mezaj paĝoj - pro tio ricevis ne saman utilan lokiĝon. Pro tio mi petas pardonon: Ordinare mi kapablas kalkuli ĝis 12.

Nun mi esperas, ke tiu ĉi numero plaĉos al la legantoj, kaj ke vi studas kaj utiligas al vi la kvar paĝojn "Internacia skoltado". Vi trovos sur ili plej bonajn ideojn per kiuj vi mem profitos, kaj per tio via propra skoltgrupo - kaj komprenable ankaŭ nia Ligo.

LA SKOLTA MONDO. Tio estas tre ambicia nomo. Helpu nin, helpu vin mem, ke la nomo enhavu iom da realeco.

Hans Amund.

# 20 popularaj

Skolta Esperantista Ligo eldonis novan kajeron - modestan, jes, tre modestan, kun la nomo "Dudek popularaj kantoj".
Flava kovrilo iomete fortika kovras 16 paĝojn, kun multobligita teksto, la kantoj estas skribitaj "kantece", t e kun ĉiu linio de la kanto kiel linio en la kajero. La multobligita teksto estas tre klara. La grandeco (kvarono de A4-paĝo) ebligas, ke vi povas meti la kajeron en vian poŝon, kaj la simpleco de la eldono, ke vi kuraĝas tiel fari, vi ja ne difektos ion valoran.
Unu manko: Simplaj muziknotoj mankas, kaj ili ja helpus se kanto estus nekonata kaj vi scipovus legi ilin.

Mendu ĉe la Generala Sekretario aŭ ĉe via Nacia Reprezentanto.

1 ekz ƒ 0.50, 10 ekz ƒ 2.50, inkl. afr,



# ESTU PRETA!

De la sekretario.



Pli bone ol iu alia persono mi, kiel sekretario, scias kiel fartas nia Ligo.
Kaj vere mi povas diri, ke nia Ligo vivas, kaj fartas pli bone ol iam dum la longa periodo en kiu mi estis ĝia sekretario.
La intereso de la skoltoj, kaj precipe de la skoltaj asocioj, por nia Ligo kaj nia Lingvo en multaj landoj estas pli granda ol ni spertis en la antaŭaj jaroj.
Speciale la nova, aproba kaj apoga sinteno de la Monda Skolta Oficejo multe kontribuas al tio.
Tamen... restas por ni ankoraŭ grandega tasko, kiam ni vere deziras ke ni faru bonan impreson dum la venonta ĵamboreo en 1975.
Ne gravas, ĉu vi estas eta skolto aŭ impona persono en la socio.
Gravas nur, ke ĉiu el ni faru sian eblon por disvastigi la scion pri nia Lingvo kaj Ligo inter ĉiuj, kiujn li renkontas.
Senlace, konstante...
Nur se ni ĉiuj tion komprenas, la rezultoj estos bonaj.
E b l e  e ĉ  p l i  b o n a j  o l  n i  n u n  k u r a ĝ a s  s u p o z i ! !
Do: Faru vian eblon!

# ĈIAM PRETA!



## bonvenon:

Franz Schwärzler, Rathausstrasse 2 A, 6900 Bregenz, Aŭstrujo estas nia nova peranto. Li ne havos facilan taskon, ĉar ĝis nun la esperantistoj en Aŭstrujo donis malmulte da helpo al SEL.
Sed ni memoras la proverbon: Kio estas malfacile, tion ni tuj faros, kio estas neeble, al tio ni bezonos pli da tempo.
Bonvenon, frato, kaj sukceson!

# LA SKOLTA MONDO



Zairo.
La registaro de la lando malpermesis ĉiujn religiajn asociojn por junuloj. Kvankam la "Asocio de Skoltoj de Zairo" ne estas religia, sed ankaŭ havas membrojn el armeaj rondoj (iamaj skoltoj ANC) kaj naciismaj rondoj (FEBOSCO) kaj Kibanganoj, granda parto de ĝiaj membroj estas katolika, kaj do la asocio estas trafita de la malpermeso. La skoltina asocio jam malfondiĝis. La belga libervola helpanto J.M. Brousmiche reiris hejmen. D-ro L. Nagy de la Skolta Monda Oficejo interparolos kun prezidanto Mobutu pri maniero por solvi la problemon.

Belgujo.
Skoltejo detruita pro lingvaj problemoj!

Belgujo estas dulingva lando: franca kaj flandra (=nederlanda) kaj jam plurfoje post septembro 1972 franclingvanoj detruis la skoltejon de la flandra skoltgrupo en Ukkel, dum la skoltejo de la franclingvaj skoltoj apud ĝi restis netuŝita. Eble la tutmonda amikeco de Esperanto povus esti bona ekzemplo por la detruantoj.

Skolta Interliga Programo.
Multaj skoltoj hezitas lerni la internacian lingvon pro timo, ke la rezultoj ne rekompencos la penon. Oni timas, ke oni ne trovos la deziratajn amikojn per nia lingvo.
Tial ni proponas NOVAN MANIERON varbi:

Klopodu, ke la skoltgrupo promesas lerni la lingvon kondiĉe ke grupo en alia lando faros la samon, tiel ke oni komune havu kontaktojn per Esperanto (vidu LSM 1973/2 paĝo 201 kaj en tiu ĉi numero). La kontakto kresku dum la studo.-
Labormetodo: La grupo promesu skribe, en du ekzempleroj: Ni lernos Esperanton tuj kiam skoltgrupo en eksterlando (ev. indikita lando) promesos la samon, por starigi komunan agadon en la kadro de la Skolta Interliga Programo.
La promeso estu nacilingva, sed kun traduko. La ĝen.sekr. de S.E.L. kolektos la promesojn, kaj tuj kiam du grupoj sin anoncos, li sendos al ambaŭ grupoj ekzempleron de la promeso de la alia grupo, kaj ili povas efektivigi la promeson. La alia ekzemplero restu ĉe li, kaj servu por kontrolo ĉu la sistemo vere funkcios.

## KORESPONDO







Barry Long, 14-jara skolto, 54 Kawika Rd., Whangarei, Nov Zelando, dez. koresp. kun samaĝa skolto aŭ skoltino.

Frank Dobbs, 8 Ailesbury Grove, 21-jara hospitala biokemiisto, deziras konatiĝi kun aliaj geskoltestroj. Okupoj: Glitflugado, Akŭalungnaĝado, fotografado, marskoltado.

Z Stifter, Box 27215, Sunnyside, Pretoria, Sudafriko deziras interŝanĝi skoltajn metalajn insignojn.

# Internacia Skoltado 2.

Dua serio de ideoj por kunlaboro inter diversnaciaj skoltgrupoj.

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+

La ĉiutaga vivo.

Kion interŝanĝi ? Ciam oni klopodas inventi ion tre specialan.
Sed ofte la plej simplaj aferoj estas la plej sukcesplenaj.
Starigu kolekton de tre ordinaraj, ĉiutagaj aferoj por interŝanĝo kun la alia lando:
Ekzemplero de normala ĉiutaga gazeto, ilustrita revuo, skolta revuo,
ekzemplero de porjunula bild-rakonto, kelkajn lernejaj libroj, skatolo de alumetoj, moneroj, kaj kompreneble kelkaj fotoj de la skoltoj en ilia normala vivo.

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+

Internacia Konkurso.

Organizu konkurson ekzemple pri desegnoj aŭ pri fotoj.
Invitu la skoltojn el aliaj landoj al partopreno. Zorgu ke vi havos spertan ĵurion por ekzameni la kolekton kaj decidi pri la premioj.
La kolekto estu montrata ne nur en via propra lando, sed ankaŭ en la alia lando.

Alia ebleco : perpoŝta ŝakludo kontraŭ la alia grupo. Ĉiu semajne vi sendas poŝtkarton kun la decidita movo al la kontraŭa partio. Tamen : vi bezonos multan tempon por nur unu ludo, kaj la kostoj de la afranko estos regulaj kaj altaj.

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+

La bestoj.

Kiuj bestoj vivas en via regiono ?
Priskribu ilin, sendu fotojn kaj desegnojn.
Interesa aktiveco estas kolekti la voĉojn de birdoj kaj aliaj bestoj sur sonbendo.
Kiel eble plej multe uzu la eblecojn de la moderna tekniko : filmo, lumbildoj.

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+

La Radio .

La radio ebligas ne nur ke vi povas aŭskulti la voĉon de la aliaj skoltoj, sed ke vi povos rekte interparoli kun ili.
En oktobro de ĉiu jaro la Skolta Monda Oficejo organizas la "Radio-ĵamboreon", en la angla lingvo "Jamboree-on-the-Air" aŭ mallonge: "JOTA".
Partoprenu en ĝi. Raportu pri viaj kontaktoj al la Sk.Monda Oficejo en Ĝenevo, Svislando : Boy Scouts World Bureau, Case postale 78, CH 1211- Geneva-4, kaj al nia propra revuo.



La persona kontakto.

Finfine vi jam tiom longe kunlaboras koresponde, ke kompreneble vi deziras persone renkonti viajn amikojn.
Nun estas tempo por organizi renkonton, kaj inviti ilin. Kompreneble ili partoprenos en via somera tendumo. Sed zorgu ke ankaŭ estos ebleco por loĝi dum kelkaj tagoj kiel gasto en la domo de ia skolto.
Faru planojn por kelkaj ekskursoj, sed memoru ke jam tre simplaj kaj ordinaraj aferoj povas esti interesaj por skoltoj el alia lando.
Iam mi estis survoje al fama muzeo, por montri ĝin al eksterlandanoj. Mi neniam atingis ĝin pro la fakto ke ili tiom admiris la belan pejzaĝon: verda kaj akvo-riĉa. Kaj miaj gastoj nur konis naturon sekan kaj flavan.
Tiel vi ankaŭ evitos alian malfacilaĵon: la financan flankon de la projekto. Eĉ kiam la kostoj estas tre modestaj, tamen ĉiam restos la vojaĝkostoj.
Precipe kiam vi loĝas en riĉa lando, vi memoru ke la ekonomia situacio en la alia lando eble tre diferencas de la via.
Se nur unu knabo devas resti hejme pro la kostoj, via plano laŭ mi estas malbona !

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+

Kiel akiri la monon ?



Malfacila demando !
Sed bona skolto kapablos solvi ankaŭ la financajn problemojn.
Kompreneble ekzistas la jam ordinaraj metodoj : fari malgrandajn laborojn kontraŭ pago.
Sed vi ankaŭ povas uzi la eblecojn, kiujn donas al vi la internacian kontakton.
Organizu feston en la stilo de la alia lando.
Ekspozicio de la interŝanĝitaj objektoj. Vendo de la ricevitaj poŝtmarkoj. Filmvespero pri la alia lando. Komuna manĝo, laŭ la kutimo de la alia lando. Vi povas fari objektojn, kiujn vi eble povas vendi.
Demonstracio de popolaj dancoj kaj ludoj dum la vizito de la alia grupo certe allogos la homojn al la fest-vespero, kiun vi organizas.
Uzu vian fantazion !

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+

Filmoj kaj alia materialo.

La ambasadejo de la alia lando certe bonvolos helpi al vi, kiam ĝi rimarkas ke vi sincere interesiĝas pri sia lando.
Ofte ili disponas pri filmojn, kiujn vi senpage povos prunti, kondiĉe ke vi havas bonan projektilon kaj taŭgan personon por prizorgi ĝin.
Eble ili ankaŭ havas afiŝojn por ornami la skoltejon kaj libretoj por via skolta libraro.

# SIMPLA – MALKONSTRUEBLA EKSPOZICIO

Faru panelojn el latoj kun breto.
La breto povas esti al mola aŭ el malmola materialo.
Se vi volas ion surglui: la malmola materialo estas la plej bona.
Sur la mola materialo vi facile povas uzi puŝpinglojn.

Mezuroj: prok. 120x120 cm, kaj la alteco estu pr. 150 cm.
Uzu latoj de 2½x5 cm.



Uzu ŝraubojn anst. najlojn por la konstruado.

Por faciligi la transporton kaj la konservadon, la paneloj povas esti malmunteblaj.
Por tio vi uzu: 1) ŝraŭbon kaj pecon de fero kun ŝlosila truo,aŭ 2) disigeblajn ŝarnirojn.



----

El la panelo vi faru vandojn.



Por kunigi la panelojn ekzistas diversaj manieroj:
1) per ruberoj, kiujn vi povas fari el malnova tubo de aŭtomobilo;
2) per peco de ligno kun du najloj aŭ ŝrauboj, kiuj korespondas kun truoj en la latoj;
3) per peco de fortika ferdrato.



----

Faru vandojn el la paneloj, kun anguloj, zigzagaj, triangulaj, kaj en formoj de H kaj X.

----

Multaj malgrandaj, samformataj bildoj sur unu panelo estas enuiga.
Ili ne kaptos la intereson.
Pli bone estas uzi kelkajn pli grandajn bildojn, de diversaj grandecoj.

----

La homoj ne ŝatas stari longe por legi longajn tekstojn.
Tial: la tesktoj estu kiel eble plej mallongaj !

----
















Kelkaj paneloj ne havu breton, sed *ornamo* el ŝnuro.

Kompletigu la tuton kun floroj, plantoj, kaj standardoj. Kaj nun : invitu la publikon !

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+

<u>Inviti la publikon !</u> Jes, estas necesa ke mi menciu tion. Ofte oni estas tiom aktiva en la aranĝo de la festo aŭ ekspozicio, ke oni forgesas taŭge inviti la publikon.

Faru varbilojn - modeste stencilitaj, sed zorgu ke ili bone aspektas. Ke ili respeguligas la zorgon, kiun vi dedicis al ili.

Desegnu afiŝojn, kaj petu ke la homoj ilin pendigu antaŭ la fenestroj. Serĉu kontakton kun la loka gazeto, ke ili publikigu vian aferon, kaj sendu ĵurnaliston.
Invitu iun por oficiale malfermi la ekspozicion.

Denove : Uzu vian fantazion... jam tro ofte mi vizitis ekzpoziciojn , kiujn nur malmulte da homoj vizitis...simple ĉar la publiko ne sciis pri ĝi.
Kaj: estas konata fakto ke la homoj facile superrigardas invitojn kiujn ili nur unufoje vidas aŭ legas. Do : invitu grandskale !

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.++.

<u>La Plej Ofta Eraro !</u> Jen GRAVA AVERTO ! Ofte oni emas montri ĉion ! Tio tamen estas MALBONA ! Vi nur montru tion, kio estas belaspekta , kaj interesa. *Pli bone estas fari malgrandan ekspozicion de nur interesigaj kaj belaj objektoj, ol amasigi ĉion kion vi povas trovi.* Do : estu singarda !

+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+.+




Karaj amikoj, ĉu vi estas kontentaj ?
Mi esperas ke mi donis al vi multajn bonajn ideojn.
Klopodu transdoni iom da via entuziasmo, da via plezuro al aliaj homoj.
**Montru al ili la plezuron de Skoltado,** kaj la utilon de nia Internacia Lingvo.

Zorgu speciale, ke nia Skolta Esperanto-Ligo kresku. Ĉiam, kiam novaj membroj aliĝas la forto de nia Ligo grandiĝas , kaj ĝia valoro, *ankaŭ por vi mem !*

Kaj - se vi sukcesplene ion faris : rakontu pri tio en nia revuo : " La Skolta Mondo"
tio estas : la renkontejo por skoltoj de ĉiuj nacioj !

- Ni dankas al Brita Skoltasocio pro la ideoj por espozicioj -

**D**oktoriĝo de NR de SEL.

EDDY FREDERICKX, nia amiko kaj skoltfrato akiris la titolon de "Doktoro en klasikaj **lingvoj**" ĉe la mondkonata universitato de Leuven, vendredon la 11-a de majo 1973 post sesjara prepara laboro. La solenaĵo okazis en la promocisalono sub prezido de prof. d-ro Beremans.
La temo estis: VIVO KAJ VERKO DE IOANNES GOROPIUS BECANUS (1519-1573), tro malmulte konata lingvisto kaj kuracisto de flandra origino.
Dum 20 minutoj Eddy prezentis sian tezon, kiu konsistis el 2 dikaj volumoj. Trankvile, serene kaj memfide li parolis en ĉeesto de familio kaj amikoj, de studentoj de lia klaso (profesie li estas profesoro) kaj de estroj kaj skoltoj de lia grupo

Poste la promotoro gratulis lin sed faris ankaŭ kelkajn rimarkigojn. Dum tio la promotoro menciis Esperanton, sciigante ke Eddy multe interesiĝas pri ĝi. Kvar aliaj ĵuriistoj kritikis detalojn, sed dum 70 min Eddy eltenis la krucfajron sen timo, kun certa repliko.

Post 15-minuta interkonsiliĝo la ĵurio per tties prezidanto deklaris s-ron Frederickx Doktoro kun "granda distingo".

Niajn gratulojn al vi, Eddy! Dum ses jaroj vi konscie laboris al via disertacio, zorgis por edzino kaj bela infaneto, gvidis skoltgrupon, donis konferencojn en kaj pri Esperanto, eĉ Esperantokursojn, akceptis la taskon de NR de SEL, ekkonstruis propran domon kc. kc. Nun ni fidas, ke vi daŭre sukcesos labori por Esperanto, precipe por SEL en Belgujo.

Ni ne povas fini tiun raporton sen esprimi omaĝon al Nikol, la ĉarma kaj sindona edzino de Eddy. Li mem omaĝis ŝin, dirante ke li ne estus sukcesinta sen ŝia silenta kaj diskreta helpo.

Jovogo.

# BREGENZ

La rondo de partoprenantoj de nia kunveno en Bregenz estis nur malgranda: 14, el tri landoj.

Ĉeestis multaj nederlandanoj - kaj ne ĉiu estis aktiva skolto. Oni pensus, ke tio devus malsukcesi!
Tamen ni havis bonegan tempon. Franz Schwârzler, iama skoltestro en Bregenz, zorgis pri tre interesa programo, kaj lerte eluzis ĉiujn eblecojn por propagandi nian ligon inter la skoltoj de sia regiono.
Dum varmega tago ni vizitis la belegan insulon Mainau en la Boden-lago, dum same varmega tago ni naĝis. Sed ni ankaŭ ĝuis la belan naturon kaj vizitis interesajn lokojn.
Dum unu tago ni grimpis monton ĝis monta kabano, kie ni tranoktis. La intenco estis daŭrigi la vojaĝon al ia montpinto, sed pro la pluvo ni devis reiri al la valo. Tamen la tranokto en la "Tilisuna hütte" jam estis speciala sperto por ĉiuj el ni.

Je ĵaŭdo, la 5-an de julio Franz invitis la skoltestrojn de la regiono al komuna manĝo, kaj agrabla vespero. En amikeca atmosfero ni kune kantis, inter alie el la nova kantareto de SEL, kaj dume babilis kun la aŭstraj skoltoj. Oni facile komprenas ke ofte nia Ligo estis la temo de la paroladoj.
Oni deziris al ni pruvon pri la eblecoj de Esperanto, kaj aŭskulti la sonon de ĝi, kaj kiam ni aŭdigis internacian paroladon, la interveno de la du junaj italaj skoltetoj, Alessandro kaj Flaviano (9 kaj 11 jaraj) estis speciala pruvo pri la utilo de nia lingvo.
Vizitis nin ankaŭ sinjoro Otto Walder, prezidanto de la Svisa Esp.-Movado, kun kiu ni havis interesan kontakton.
Lia helpo certe utilos por revivigi la Esperanto-vivon en la

# La Ŝipestro kaj Maljuna-Eriko

Iam vivis ŝipestro, kiu estis en ĉio, kion li komencis, neklarigeble bonŝanca. Neniu krom li ricevis tiajn ŝarĝojn, kaj neniu gajnis tiom da mono, ĉar la mono ŝajne sin ĵetis al li, kaj speciale neniu kapablis kompari sin kun li dum vojaĝoj, ĉar kie ajn li vojaĝis, la vento blovis en la vojaĝdirekto, jes, oni diris, ke se li nur turnus sian ĉapelon, la vento sin turnus laŭ ĝi.

Tiel li vojaĝis dum jaroj, kaj en la lignotransporto, kaj en la Ĉinujo-trafiko, kaj monon li gajnis kiel herbo. Sed iam li rapidis hejmen trans La Norda Maro per ĉiuj veloj, kvazaŭ li estus ŝtelinta kaj ŝarĝon kaj ŝipon.

Sed iu lin ĉasis, kaj li eĉ pli rapidis. Estis Maljuna-Eriko (la diablo. rim.de trad.), ĉar kun li la ŝipestro iam skribis kontrakton, kiel oni ja facile povas kompreni, kaj en tiu ĉi tago la tempolimo pasas, nun ĉiumomente li povus atendi lian alvenon por lin kunpreni.

Nu, la ŝipestro venis sur la ferdekon el la kajuto, kaj poste al la supro de la takelaĵo, kaj tiam li vokis la ĉarpentiston kaj ankoraŭ kelkajn virojn, kaj ordonis ke ili iru malsupren en la ŝarĝujon kaj haki du truojn trans la fundon de la ŝipo, kaj farinte tion meti la pumpilojn tien, tiel ke akvo ne venis al la ŝarĝo sed staris alte en la pumpiloj.

La viraro kompreneble miris pro tio, kaj opniniis tion strangega laboro, sed ili faris laŭ la ordono de la ŝipestro, ili hakis du truojn kaj tien metis la pumpilojn kaj faris tian laboron, ke eĉ ne akvoguto venis al la ŝarĝo, sed en la pumpilojn la maro penetris ĝis sep futojn.

Ili apenaŭ finiĝis sian laboron, ke la elhakitaĵo ne estu videbla, kiam Maljuna-Eriko alvenis en iu ventblovo kaj prenis la ŝipestron per la kolumo.

"Momenton, ne tiel urĝas", diris la ŝipestro, kaj tuj komencis sin liberigi de la ungegoj kiuj tenis lin. "Ĉu vi ne faris kontrakton kun mi, ke la ŝipon vi ĉiam tenos densa kaj senakva?" diris la ŝipestro. "Ho, vi ne estas fidinda. Mezuru la akvon en la pumpiloj! La akvo penetris ĝis sep futojn en la tuboj. Pumpu, diablo, kaj pumpu ĝis venos ne plu akvo el la pumpilo, kaj poste prenu min al la infero, se vi tion deziras!"

Maljuna-Eriko ne estis tiel saĝa ke li ne lasis sin trompi. Jen li eklaboris kaj ŝvitegis, tiel ke la ŝvito fluis kiel riveretoj laŭ lia dorso, kaj oni povus uzi tiuj riveretojn por muelilo plej malalte ĉe lia postaĵo, sed li pumpis el la Norda Maro kaj en la Nordan Maron. El tiu laboro li iom post iom laciĝis, kaj kiam li ne plu eltenis, li en plena furiozo rapidis hejmen al sia praavino por ripozi.

La ŝipestron li lasis resti ŝipestro dum li mem volis, kaj se li ne estas jam mortinta, li certe ankoraŭ vojaĝas kaj velas tien, kien li volas, kaj turnas la venton laŭ turnoj de la ĉapelo.

(Norvega popolfabelo laŭ Asbjørnsen. HAR)

# Bregenz

(Daŭrigo)

okcidenta parto de Aŭstrujo.

Antaŭ iri hejmen kelkaj partoprenantoj ankoraŭ konatiĝis kun skoltgrupo el Germanujo, kiu tiam alvenis por loĝi en la kabano. Ni rakontis al ili pri niaj spertoj kaj lasis por ili kelkajn ekzemplerojn de nia lernolibro, pri kiu ili interesiĝis.

Entute: agrabla, interesa kaj certe: tre utila kunveno!




NACIAJ REPREZENTANTOJ:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | s-ro S.H.Milligan, 14 Kerry Close, Doncaster, E 310g, Victoria |
| Aŭstrujo: | s-ro Franz Schwärzler, Rathausstr. 2,, 6900 Bregenz |
| Belgujo: | s-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, B-2060 Merksem-Antwerpen, Poŝtĉekk 9978.93. Tel (03)4524.76. |
| | s-ro L.J.van Gulck: telefono (03)3688.08. Poŝtkonto Belga Skolta Esperanto-Sekretariato 327460. |
| Brazilio: | s-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tamandare 979, Belem, Para |
| Britujo: | s-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Str., Oldham, Lancs. |
| Danlando: | s-ro A. Petersen, Blistrupsv 8,,DK-2610 Rødovre. Tel 707157 |
| Finnlando: | s-ro Seppo Tella, 9 kp, SF-55950 Imatra 95, Tel 954-51130 |
| Germanujo: | s-ro Georg D Winkler, Jaegerstr. 27, D-42, OB Sterkrade |
| Hispanujo: | s-ro Pedro Marqueta, F el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Telefono 252044 |
| Irlando: | s-ro Frank Dobbs, 8 Ailesbury Grove, Dublin 4 |
| Italujo: | prof F Tulone, Via Frangipene 8, I-92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198 |
| Japanujo: | s-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | s-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont. |
| | Helpa NR: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb. |
| Nederlando: | s-ro B.J.Wijmer, Stuyvesanstr 114, Den Haag 2021. Tel 85 23 59 |
| | J.K.Hammer: Telefono 02980-66931. Poŝtkonto 632246. |
| Norvegujo: | s-ro H.A.Rosbach, Nergt 37c, N-6500 Kristiansund. Tel 4773-77620. Poŝtkonto 8030413. |
| | J.Berggreen, Tel 472-283035. Poŝtkonto 201621 |
| Novzelando: | s-ro D.B.Pease, Flat 2, 8 Dent Street, Whangarei. |
| Portugalujo: | s-ro J.de Matos Correia, Rua Cidade da Horta, Lote Q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4. |
| Usono: | s-ro Ken Meyer, 1418 West Elm Street, Oxnard Cal. 9303o. |
| Zairo: | s-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, B.P. 280, Limete, Kinshasa. |

Informoj pri membreco:

En landoj kun Nacia Sekcio: Informiĝu ĉe la N.R., kaj pagu al li la landan kotizon.

Individuaj membroj (Nur en landoj sen N.R.!): Kotizo inkl. abono:

Junuloj ĝis 18 jaraj: Nederlandaj gld 3.30 aŭ egalvaloro.
Pliaĝuloj: Ned. gld. 5.oo aŭ egalvaloro.
Subtenantoj: Minimume Ned. gld. 5.oo aŭ egalvaloro.

Oni pagu al la kasisto, aŭ se necese al la sekretario.






Al nia konkurso ne venis tiom da leteroj, kiom indikas la bildo kaj via kontribuo estas bonvena.
Unu kontribuanto sendis neuzitajn poŝtmarkojn je valoro de ĉ ƒ5, tio komprenèble estas neneceza, sed donas agrablan helpon al la financoj ĉar tio estas mono uzata por afrankoj ĉe la redaktoro.
Ankaŭ la uzitaj poŝtmarkoj havas valoron, kaj tial helpas al niaj financoj, kvankam ĝis nun nur modeste. Do bonvenon al pluraj!



# LA SKOLTA MONDO

Limtempo por manuskriptoj kaj anoncoj: 1-a de Februaro, Majo, Aŭgusto kaj de Novembro.



REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND

ISSN 0027-6558